# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 28/03/2019 Kvarcentdeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo all courses* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 810,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **335,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **309,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **166,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".





### N.ro 61 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)




Jen kelkaj necesaj rimarkoj pri la Refleksivo, pri kiu P.A.G. pasigas naŭ paĝojn. La plej simplan kaj la plej logikan refleksivan sistemon donas la angla lingvo. Ĝi uzas la pronomon de la Objekto de la frazo aŭ la adjektivon, kaj simple aldonas al tiu vorto la vorton "mem" aŭ "memoj". Do "Mi lavas mianmem, kaj Ci lavas cianmem, kaj La knabino lavas ŝinmem, kaj La knaboj lavas ilinmemojn kaj Ni laboras por niajmem" (*myself; yourself; herself; themselves;* kaj *for ourselves*). En Esperanto tia sistemo havus la adverbon "mem" neligita post la koncerna persona pronomo: "Ili lavas ilin mem kaj Ni lavas nin mem". La aktuala Esperanta sistemo havas specialan ekstran personan pronomon por la tria persono (si, sin, sia).



*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# Mia ĝardeno ploras pro la bataloj.

## LA GENIA VERBSISTEMO EN LA GENIA ESPERANTO .



**1).** La signifoj de ĉiuj vortkategorioj estas nature centprocentaj.

La signifo de la koloro "ruĝa" estas ĉiam ruĝa, ne parte ruĝa kaj parte blua.

La signifo de la prepozicio "en" estas ĉiam centprocenta, ne duone "en" kaj duone "sur".
La signifo de la adverbo "rapide" ne estas parte rapide kaj parte malrapide, sed tute rapide.
La signifo de la substantivo "tablo" estas la tuta tablo, centprocente, ne la tablo sen siaj kruroj.

**2).** Ankaŭ la signifo de la verbo estas la tuta ago, centprocente, el komenco ĝis fino.
Kaj estas verbo nur vorto kiu finiĝas per unu el la finaĵoj –as, -is, -os, -us, -u, aŭ –i.
Kiam la ago estas longdaŭra, la verbo indikas tiun parton de la longdaŭra ago, kiu interesas la parolanton.

Se la vorto ne indikas 100% de la ago, ĝi ne estas verbo, aŭ ĝi estas alia verbo.

**3).** Ĉi tiuj 100% validas por ĉiuj verboj en ĉiuj voĉoj.
La voĉoj indikatas per speciala sufikso, nome manko por la Aktivo, -iĝi por la Medialo, -ati por la Pasivo, kaj –igi por la Faktitivo. Nur ago kun predikativo konsistas el pli ol unu vortoj.

Ĉiu voĉo konsistas el unu vorto, kun sia sufikso, kaj necese kun verba finaĵo.

**4).** Ĉiuj verboj reprezentas agon, do estas agvortoj.
Substantivoj kaj adjektivoj kaj adverboj ne estas agvortoj, eĉ se la radiko indikas agon.
Eĉ t.n. stataj agoj bezonas energion por esti kaj resti stataj, kaj momentaj agoj tamen havas montreblan daŭron, (ekz. per malrapidigo de filmo).
Participaj verboj, kiaj "lerninti lingvon", tre malofte uzatas (escepte la Pasivon per -ati), kaj participoj verbaj ne ekzistas, kaj tute ne bezonas ekzisti, en Esperanto.
Esperanto havas tre riĉan sistemon de participaj adjektivoj aspektaj, kiuj ne estas parto de la verbsistemo.

**5).** Ĉar participoj adjektivaj ne estas parto de la verbsistemo, ili indikas la staton, en kiu substantivo
estas, estis, aŭ estos pro iu ago. Tiu ago faratis en la estinteco (= Perfekto), aŭ faratos en la estonteco (= Predikto), aŭ de kiu observatas nur parto, nur momento en iu tempo,
(= Imperfekto), kaj kiu kutime interrompatas de alia, verbforma, ago. Jen ekzemploj:
(Perfekto:) La hundo estas/is/os/us/u manĝinta kaj la viando estas/is/os/us/u manĝita.
(Predikto:) Mi restas/ktp forvojaĝonta, kvankam la aŭto estas/ktp ankoraŭ riparota.
(Imperfekto:) Ni estis manĝantaj kaj bone prizorgataj, kiam subite ni atakatis de la krimulo.
Notu ke la nomoj Perfekto kaj Predikto kaj Imperfekto uzatas en etnaj lingvoj kutime por verboj.

**6).** Estas en Esperanto nur tri verbtempoj, -as, -is, -os, kaj ĉiuj pliaj rilatoj de agtempoj estas

indikataj per prepoziciaj subjunkcioj, adverboj, aŭ aliaj vortoj. Ekz. "Ni iris al la teatro post ol manĝi en la urbcentro" kaj "Ni morgaŭ matenmanĝos antaŭ ol ni iros al la marbordo" kaj " Ni ĵus retrovenis el eksterlando, devonte jam morgaŭ eklabori".

**7).** Jen do la verbsistemo de Esperanto estas riĉa kaj simpla, kaj kompleta kaj logika, sen esceptoj.

Kaj kiom fora de la komplikaj, mallogikaj, nekompletaj, kaj plenesceptaj, sistemoj de la eŭropaj lingvoj! Ne perdu vian tempon kaj ne lasu viajn ĝuojn de la simpla Esperanta verbsistemo esti detruataj de la malmodernaj teorioj pri daŭraj kaj momentaj agoj, pri agaj kaj stataj verboj, pri aspektoj, kaj pri kompleksaj tempoj!

NE FORGESU: EN ESPERANTO VERBO, KUN VERBA FINAĴO –AS, -IS, -OS, -US, -U, AŬ –I, INDIKAS LA TUTAN AGON, EL LA KOMENCO ĜIS LA FINO, KAJ PARTICIPOJ NE ESTAS VERBOJ! escepte, kompreneble, se ili finiĝas per verba finaĵo, ekz. Tiu mono morgaŭ retrodonatos al vi).

Noto: Pro la Regulo pri Signiforedukto la sufikso "–at" por formi la Pasivan Voĉon perdis siajn signiferojn de tempo kaj de nefiniteco kaj plu havas nur sian signiferon de pasiveco, sed nur kiam tiu sufikso uzatas kiel verbo, do kun verba finaĵo (kaj en la nuda "ate de" (sim. "ante al").).

Vivu la son' de l' plejbon',
Vivu Majstra l' geni'!
(laŭ la karmanjolo)

*Marcel Leereveld.*

## NI BATALU POR PACO KAJ DEMOKRATECO.

Antaŭ kelkaj semajnoj , en la radio, iu fervora Esperantisto aŭstralia menciis kiom multe li suferis pro malagrabla kaj plenofenda batalo inter du grupoj de membroj de A.E.A., antaŭ deko da jaroj kaj dum kelkaj jaroj. Tre pacema, li preskaŭ ploris pro la situacio.

Li, kaj la plej granda plimulto, ne partoprenis en la batalo, sed restis t.n. neŭtralaj. Evidente ne studinte la tialojn de la interbatalo, ili tamen volis senkulpigi kaj subteni unu flankon, ĉar tiu flanko estis la estraro de A.E.A., kaj en ilia simpla konvinko la estroj normale pravas, ĉar elektitaj. Kelkaj komencis publike kulpigi la neestraran grupon de batalantoj. Tio sendube kuraĝigis la estrarajn batalantojn fariĝi pli malicaj en sia batalado, kaj fine eksigis kelkajn kontraŭulojn el A.E.A.

La batalo estis precipe pri asociaj principoj kaj reguloj, kaj krome pri la uzo de la kapitalo de A.E.A. En tio la Estraro fariĝis maldemokrata kaj agis kontraŭ la leĝaj reguloj por fari nedemokratajn decidojn. Ili povis fari tion ĉar la demokratecaj batalantoj estis relative malmultaj kaj do malfortaj. La estrara grupo finfine kapablis ŝanĝi la regulojn tiel, ke ili povis fari kion ili volis. Tio okazis grandparte ĉar la granda plejmulto restis neŭtrala kaj lasis la diktatoremulojn fari kion tiuj volis. La samo okazas en la politika vivo, eĉ de tutaj nacioj. Ekzemple en Germanujo en la tridekaj jaroj de la antaŭa jarcento la nazianoj kaptis pli kaj pli

da potenco kaj la naŭdek procentoj da neŭtraluloj faris nenion por helpi la demokratemulojn kontraŭbatali la faŝismon. PRECIPE PRO LA PASIVA NEAGEMO DE LA NEŬTRALA AMASO LA FAŜISMO VENKIS KAJ TIAL KAPABLIS KOMENCI LA DUAN MONDMILITON. La samo okazis, malpli grandskale, al A.E.A. kaj al aliaj malgrandaj asocioj.

Mi forte opinias, ke tiaj neŭtraluloj ne rajtas plori pri la bataloj, ĉar estis ilia morala tasko helpi tiujn batalantojn kiuj zorgis ke asocio funkcias demokrate, kaj kontraŭbatali tiujn, eĉ en la Estraroj, kiuj ne obeas la demokratajn kaj leĝajn regulojn. Mi donis la ekzemplon de Hitler, sed vi povas trovi multajn aliajn ekzemplojn kie diktaturo venkis pro la inerto de la amaso, kiu en sia mallaboremo forgesas kontroli la agojn de la elektitoj. Estas ne la neŭtraluloj, sed la batalantoj por demokrateco kiuj rajtas plori pro la necesa batalo.

*Marcel Leereveld.*

## TIUJ KOMPATINDAJ EŬROPLINGVAJ LINGVISTOJ .

Ĉar ili ne volas konfesi, ke iliaj lingvoj havas tri participojn, ili diras :

ke en la frazo *"HE HAS RECEIVED THE LETTER AT 2 O'CLOCK"* la participo estas kaj nomiĝu "(aktiva) Pasinttempa Participo" KAJ ke en la frazo *"THE LETTER WAS RECEIVED BY HIM AT 2 PM"* la participo estas kaj nomiĝu *"Past Participle used as a passive participle when with "to be";*

AŬ ke en la frazo *"THE LETTER WAS RECEIVED BY HIM AT 2 O'CLOCK"* la participo estas kaj nomiĝu "Pasiva Participo" KAJ ke en la frazo *"HE HAS RECEIVED THE LETTER AT 2 O'CLOCK"* la participo estas kaj nomiĝu *"Passive Participle used as an (active) past participle when with "to have".*

Tio estas la samo kiel diri: ke kun "*the*" la vorto "*work*" estas substantivo kaj kun "*to*" la vorto "*work*" estas substantivo uzata kiel verbo;

AŬ ke kun "*to*" la vorto "*work*" estas verbo kaj kun "*the*" la vorto "*work*" estas "*a verb used as a noun when used with "the".*

*Marcel Leereveld*.






**Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE**





Ĉimonate kelkaj "BES" membroj vizitis Tom O'Grady en lian maljunulejon če la Ormarbordo. Ni gajnis de lia granda scio pri Esperanto.

La Foto supre montras de maldekstre:

Tom, Claire, Petro, Doug, Ness & Erhard, Linda.

Dekstra foto montras Tom O'Grady, eminentan membron de la Brizbana Esperanto- Societo.



*Sendis Peter Danzer*



# La Aziaj Kongresoj de Esperanto




(AKE, aŭ Azia Esperanto-Kongreso)

1. **1-a**, 21-a ĝis 25-a de aŭgusto 1996; Ŝanghajo, Ĉinio; 486 aliĝintoj
2. **2-a**, 22-a ĝis 25-a de aŭgusto 1999; Hanojo, Vjetnamio; 420 aliĝintoj
3. **3-a**, 23-a ĝis 26-a de aŭgusto 2002; Seulo, Koreio; 552 aliĝintoj
4. **4-a**, 25-a ĝis 29-a de aŭgusto 2005; Katmanduo, Nepalo; ; 173 aliĝintoj
5. **5-a**, 11-a ĝis 15-a de februaro 2008; Bengaluro, Barato; 254 aliĝintoj
6. **6-a**, 19-a ĝis 23-a de junio 2010; Ulanbatoro, Mongolio. 254 aliĝintoj

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

7. **7-a**, 18-a ĝis 22-a de aprilo 2013; Jerusalemo, Israelo; 158 aliĝintoj
8. **8-a**, 3-a ĝis 6-a de novembro 2016; Ĉjuanĝoŭ, Ĉinio[3]. 278 aliĝintoj
9. **9-a**, 25a ĝis 28a de aprilo 2019; Danango, Vjetnamio[4].

**https://www.facebook.com/La9aAK/ Kongresa temo: "Esperanto kaj kultura diverseco de Azio kaj Oceanio."**



*Paul Desailly*



# Tre malnova prospekto de knabina lernejo

### Fees.

Fees for Board and Tuition, including Diction, Design, Esperanto, Library Subscription, Stationery, Physical Culture and Deportment, Bathing, Sports, Washing, Linen and Silver :—

| | | |
|---|---|---|
| For girls over 14 years | £28 0 0 | per quarter |
| For girls over 12 years | £25 0 0 | ,, |
| For girls under 12 years | £22 10 0 | ,, |

**Extras.**

| | £ | s. | d. | |
|---|---|---|---|---|
| Art (commercial) | 1 | 1 | 0 | per quarter |
| Architectural Drawing | 1 | 1 | 0 | ,, |
| Book-keeping | 1 | 1 | 0 | ,, |
| Business Methods | 1 | 1 | 0 | ,, |
| Chemistry | 2 | 2 | 0 | ,, |
| Dancing | 1 | 1 | 0 | ,, |
| Drawing | 1 | 10 | 0 | ,, |
| Dressmaking (Practical) | 1 | 1 | 0 | ,, |
| Elocution (special lessons) | 0 | 10 | 6 | ,, |
| German | 2 | 2 | 0 | ,, |
| Italian | 1 | 1 | 0 | ,, |

| | £ | s. | d. | |
|---|---|---|---|---|
| Latin | 1 | 1 | 0 | per quarter |
| Music and Theory at the School and Demonstration Classes at the Conservatorium | 3 | 13 | 6 | ,, |
| Painting | 2 | 10 | 0 | ,, |
| Shorthand | 1 | 1 | 0 | ,, |
| Singing (by arrangement) | — | | | |
| Typewriting and Elementary Book-keeping | 1 | 1 | 0 | ,, |
| Wood-carving | 1 | 1 | 0 | ,, |

Karaj,

Sur la reto mi trovis tre malnovan prospekton de knabina lernejo en Gosford, kaj vidu ili mencias Esperanton. La prospekto estas de la jaro 1910 proksimume. La kialo estas mem evidente ke George Collingridge ja estis instruisto en tiu lernejo je tiu tempo.



Amike, *Nicole Else*



## Esperanto Por UN

## Informilo 39 – Marto 2019 ESPERANTO UN

- Unuiĝintaj Nacioj 75-jara: Aŭskulti, paroli kaj agadi en multlingva mondo
- Esperanto en la Komitato de NROj pri Edukado, Lernado kaj Alfabetigo
- Universala Esperanto-Asocio: Mesaĝo al Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko okaze de Internacia Patrinlingva Tago, 21 februaro 2019
- Mesaĝo de UEA okaze de Internacia Virina Tago, 8 marto 2019
- UEA asistas por traduki la Universalan Deklaracion de Homaj Rajtoj en Usonan Gestolingvon
- Feliĉan naskiĝtagon, Sir Brian! UEA salutas Sir Brian Urquhart okaze de lia centa naskiĝdatreveno



*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

# Uzu Esperantajn literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ

Kelkaj proponoj sekvas. Elektu la plej facilan por vi kaj uzu ĝin.

La paĝon http://lingvo.org/klavaro , mencias diversajn helpilojn por tajpi la ĝustajn literojn.

Angle http://en.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters,

Esperante : http://eo.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters

Amiketo ebligas tajpadon de ĉapelitaj literoj http://www012.upp.so-net.ne.jp/klivo/amiketo/

La specialaj Esperanto-literoj estas ĉiuj en la ''Latin 3 Symbols'' supre dekstre sub ''Insert''. Oni alklakas ''Insert'' kaj dekstre aperas ''Symbols''. Oni povas instali la Esperantajn literojn sur la klavaron.

**Por vindozaj komputiloj senpagaj Ek!** Aŭ **Tajpi.** aŭ vidu sube

Unu el la plej facilaj metodoj **http://esperanto.typeit.org/ senpage**

**aŭ http://www.typeit.org/app/?lang=esperanto&side $US12.50c (A.E. uzas *typeit*)**

iPhone Nun estas havebla pli bona Esperanto-klavaro por iPhone/iPad kun iOS8. Oni povas facile ŝanĝi inter la kutima klavaro kaj la Esperanto-klavaro, kaj tajpi rekte en iu ajn programeto: https://itunes.apple.com/au/ap/id951119795

## Uzu Esperantajn literojn por Mac OS X

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo Vidu AE191 2014

La epoŝta programo "gmail" de Google transsendas la esperantajn literojn tute bone.

Esperanto x-system to Unicode - Chrome Web Store

*https://chrome.google.com/webstore/detail/esperanto-x-system-to...*

Se vi ankoraŭ ne povas uzi la Esperantajn literojn, uzu la 'x' post la litero kiu bezonas la supran signon





## 3zzz

En la elsendo de la 25a de marto vi povas iom lerni pri la greka kulturo dank'al Matt aŭ pri la nekredeble multtalenta esperantisto Eroŝenko

*Franciska Toubale*







*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*